ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO



## MORTIS ISTVAN SZERDAHELYI
## PROFESORO LAPENNA EKSIĜIS. ICNEM MALFONDIĜIS
## LA INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO 1988

E l d o n a s
ESPERANTO-MFKA-METZ

R e d a k t o r o
Eugène de Zilah

R e d a k t a K o m i t a t o
MFKA - 002 - METZ

F o t i s t o
Edgar de Zilah

M a k e d i s t o
Michèle Schwartz

Adreso de la redakcio
L A G A Z E T O
39, rue Joseph Hénot
F-57070 M E T Z

A b o n o j ĉ e :
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 M E T Z
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY

Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

J a r a b o n o
6 sinsekvaj numeroj : 18 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
i a m a j n
La Gazeto ne aperas dumsomere

A n o n c o j
1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.5 ekuoj

R e c e n z o j
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ
A R T I K O L O J
LA GAZETO NE RESPONDECAS

**P E R A N T O J :**

**Aŭstrio :** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 265 ŝilingoj.*
**Ĉeĥoslovakio :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 57 kronoj.*
**Danio :** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 140 danaj kronoj.*
**Francio :** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 125 francaj frankoj.*
**F.R. Germanio :** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne — Konto n° 31 377 021 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 37 germanaj markoj.*
**Hispanio :** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 2600 pesetoj.*
**Hungario :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 450 forintoj.*
**Italio :** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 27000 liroj.*
**Jugoslavio :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Duŝan ADNADJ, Ŝkolska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 4460 dinaroj.*
**Luksemburgio, Belgio :** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 775 belgaj frankoj.*
**Norvegio :** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 140 norvegaj kronoj.*
**Pollando :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1950 zlotoj.*
**Svedio :** *Gösta PERSSON, Buntmakaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3; jarabono : 130 svedaj kronoj.*
**Svisio :** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds — Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 31 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra* ***la abonhelpa fonduso*** *bv. skribi al LA GAZETO*
Aperdato de la venonta numero : **15DEC87**
Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# GRAZ KAJ TIES SEKVOJ

Pro densega trafiko sur la aŭtovojoj mi tro malfrue alvenis Graz-on por ĉeesti komitatkunvenon, je la 19a horo, la 17an de julio, de la Internacia Centro de la Neŭtrala Esperanto Movado (ICNEM). Tiam mi bedaŭris, ke ne utilis la ŝanĝoj tre komplikaj en mia tempo-organizo, kiujn mi elfaris por ĉeesti ĉi tiun kunvenon, kiun mi antaŭsentis tre grava.



*Eugene de Zilah en Graz*

Fakte, hodiaŭ kontentigas min ĉi tiu malfruo kaj la kaŭzita foresto, ĉar ili klare pruvas, ke mi neniel respondecas pri la decidoj tie akceptitaj. Nur la postan tagon mi eksciis, ke prezidanto Lapenna tie anoncis sian eksiĝon kaj, konsekvence, malfondojn de la organizaĵoj, kiujn li prezidas. Mi neniam deziris ĉi tiujn malfondojn, mi ankoraŭ nun ne opinias, ke ili estis neeviteblaj aŭ bonaj por Esperanto, kaj dum la sekvantaj kunvenoj de la „kerno" mi neniam havis eblon klare kaj senpasie elmeti miajn argumentojn tiurilatajn. Tiel komencis por mi la bela semajno de la plej bela Esperanto-aranĝo de mia vivo.

La 18-an de julio mi povis ĉeesti la gazetar-konferencon, kiun prof. Lapenna, d-roj Perko kaj Kovacic majstre deliveris. Aldone al la kutimaj informoj pri Esperanto kaj la internaciaj konferencoj, kiujn oni donadas al ĵurnalistoj, prof. Lapenna, malgraŭ sia videble malbona sanstato, sukcesis komprenigi, ke Esperanto estas la ununura vera internacia lingvo, kaj la aliaj lingvoj, kiujn oni ofte nomas „internaciaj lingvoj" estas nur „naciaj lingvoj kun internaciaj funkcioj"; ke „Esperanto estas unika kultura evento en la historio de la homaro". La ĵurnalistoj, videble mirigitaj per la fakto, ke „pluvivu lingvo, kies financaj rimedoj ne superas la jaran salajron de du instruistoj pri la angla lingvo en Saŭdi-Arabio", publikigis artikolojn kaj televid-skopojn pri la konferenco dum la tuta semajno, kun iom da skeptikismo kutima sed kun simpatio. Post la gazetar-konferenco mi iris saluti kaj gratuli profesoron Lapenna. Li probable estis tro laca por rekoni min, ĉar la postan tagon li riproĉis al mi, ke mi ne ĉe-

**ABONHELPA FONDUSO**

por helpi niajn samideanojn en kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn; Ni dankas al :

| | | |
|---|---|---|
| Ges-roj SIGNORET | *F* | *18.00 EKs* |
| S-ro AUNIS | *F* | *18.00 EKs* |
| 1D102905 | *D* | *8.50 EKs* |
| D-ro VAN TERWISGA | *NL* | *28.00 EKs* |
| S-ino MULLER | *F* | *14.00 EKs* |
| S-ro LARSSEN | *DK* | *18.00 EKs* |
| S-ro OŜLAK | *A* | *17.00 EKs* |
| S-ro PAULSSON | *S* | *14.00 EKs* |
| S-ro GREEN | *CDN* | *17.00 EKs* |
| S-ino MAILLOT | *F* | *18.00 EKs* |
| S-ro MASALA | *F* | *3.50 EKs* |
| S-ino SCHWARTZ | *F* | *7.00 EKs* |

estis ĉi tiun aranĝon, nek la sekvan, la solenan inaŭguradon en la baroke brilbela festsalono de la Graza universitato. Cetere mi ne rajtas ne paroli pri la

**mirinda beleco de la kadroj**

de ĉi tiu konferenco. La partoprenantoj povis admiri la salonojn, lumigitajn de centoj da kandeloj, de la kastelo Eggenberg, kie

**Esperantistoj ĉiam pretas aplaŭdi,**

eĉ kiam oni evidente volas trompi ilin. Ili varme aplaŭdis la redaktoron de la oficiala organo de UEA (en kies antaŭa numero verko de Ivo Lapenna estas nomita „feĉverko"). s-ron Fettes, kiu salutis ilin propranome kaj nome de d-ro Tonkin, kiu estas prezidanto de UEA. En la solena etoso de vere sukcesinta konferenco, neniun el ni zorgigis hontindaj



akceptis ilin la landestro de Stirio; la festsalonon de la universitato, kies murojn kovras valoraj freskoj; la luksan akceptejon de la Graza urbodomo, kie la urbestra moŝto alparolis ilin en perfekta Esperanto, la imperiestran ĉambraron en kastelo Schönbrunn, dum la tuttaga ekskurso ĉiĉeronita en Esperanto, en Vieno. Ĉu ili kun sama atento aŭskultadis la paroladojn? Mi ne scias.

manovroj de fagocitado. Ni ĉiuj pretis forgesi, ke UEA ĉion faris por malhelpi ĉi tiun konferencon, kaj ke la mondorganizaĵo, kies buĝeto superas dekmilojn da ekuoj, nenion donacis, eĉ ne 100 ekuojn, por ke ĝia nomo estu sur la „Memordokumento". Cetere, ĉu gravis kiu organizis la konferencon? Dank' al nia Jubilea Internacia Konferenco, dank' al la kongreso de SAT en Francio, la centjariĝon de Esperanto

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

solenis esperantistoj ankaŭ en liberalaj landoj. Post Graz ni povis senhonte ĝoji pri la amassukceso de la Varsovia UK.

Mi neniun mirigos raportante, ke la plej bruan aplaŭdegon kaŭzis la festparolado de prof. Ivo Lapenna. La plej fama oratoro de la movado, tamen malsana kaj sinapoganta sur la pupitron, superis, kiel kutime, ĉiujn aliajn. Du trionoj de la ĉeestantoj ne komprenis la diferencon, kiun li elskizis inter internaciismoj burĝa , proleta, religia kaj alia, kaj nia esperantista internaciismo, la humaneca. Probable ne multo el ili komprenis la gravecon de la fakto, ke, laŭ Lapenna, la „humaneca internaciismo" ekzistis jam antaŭ Zamenhof. Ĉi tio tamen signifas, ke la esperantismo havas ideologian enhavon, kies komunikilo estas Esperanto. Inter la altetosajn kutimaĵojn de la solena inaŭguro, la parolado de Lapenna alportis ian enhavon. Bedaŭrinde, pro teknika manko, ne ekzistas registraĵo magnetofona de ĉi tiu parolado, sed vi trovos ĝin en la 5a ĉijara numero de HORIZONTO, la antaŭlasta. Ĉar, almenaŭ laŭ sia nuna formo, ankaŭ

**HORIZONTO malaperos.**

Mi eksciis tion la 19-an de julio, vespere. Mi ĉiam memoros la malagrablan etoson, kiu superis min, dum ĉi tiu ŝvita vespero Graza : la jubilea konferenco kun ĉiea ĝojo de esperantistoj estis kvazaŭ matura frukto, kies kerna putranta parto estis ni mem. Evidente ankaŭ tie eblis argumentadi pri nenio. Tie ankaŭ ŝvebis la suspekto kontraŭ nin, LA



*Ivo Lapenna en Graz*

GAZETO kaj MFKA. Ni devis senreage aŭdi, ke LG estas „kontraŭ Lapennisma periodaĵo". Cetere en la rezolucio de la Jubilea Esperanto-Konferenco, tie, kie la konferenco dankas al ĉiuj, kiuj kunlaboris por la sukceso de la aranĝo, vi ne trovos la nomon de MFKA, nek la nomon de LA GAZETO, nek la nomon de la Metza Esperanto-Klubo, kiu tamen surprenis ĉiujn laborojn de libroservo. Kiel ne kompreni la amaran eksenton de la pli juna duono de la konferencanoj, anoj de diversaj MFKA-grupoj, kiam publikiĝis ĉi tiu rezolucio? Ili ne volis kunsinki kun ICNEM, ili volis, ke

**MFKA kaj Esperanto-konferencoj pludaŭru**

La 3a Internacia Forumo de MFKA, kiu okazis ĵaŭdon, la 23an de julio, decidis tute sendependigi la federacion de ICNEM, sub kies aŭspicioj ĝi ekzistis dum la 3 unuaj jaroj de sia ekzisto, pludaŭrigi la internaciajn konferencojn, kun nova nomo :„ **Internacia Esperanto-Konferenco**", kaj kun plimodernigita enhavo. La

**INTERNACIA ESPERANTO - KONFERENCO - 1988**

okazos en Metz (Francio), kie ekzistas ĉiuj homa kaj teknikaj eblecoj por sukcesa IEK, de la 30a de julio ĝis la 6a de aŭgusto 1988a. La unua semajno de aŭgusto estis elektita por ne ĝeni la UK-on de UEA, nek la kongreson de TEJO. La novtipaj Esperanto-konferencoj estas planitaj por ke ili estu samtempe renkontejoj de la internacilingva intelektularo kaj de la junularo de la MFKA-grupoj. Iliaj programoj estos do duobligitaj : altnivelaj



*Inaŭguro de la Jubilea Konferenco en Graz*

# VORTOJ DE LA REDAKTORO



*Membroj de la Esperanto - Klubo de Metz en Graz*

prelegoj kun sufiĉe da tempo por pridiskutadoj por la intelektuloj de la Movado; lingvokursoj kaj distro-programo por la junuloj kaj progresantoj, tritaga turisma programo, laŭvole ĉiĉeronita en grupoj 8-10 homaj (en 1988a, en Parizo) por ĉiuj, kiuj povas ĝin elpagi, je la fino (ne en la mezo!) de la aranĝo. Temas pri transira periodo dum la unua jaro de la dua jarcento de Esperanto. En aŭgusto 1988a ni vidos, ĉu eblas daŭrigi nian agadon sen la forta gvida personeco de profesoro Lapenna, laŭ liberalaj kaj demokrataj skemoj, aŭ ĉu ni devas ĝojigi niajn samideanojn de UEA per la malapero de la konferencoj, de LA GAZETO, de MFKA kaj dediĉi niajn fortojn al aliaj valoraj agadoj, ne devige esperantismaj.

**La lekcioj estis valoraj,**

ili elmetis la sukcesojn kaj la malsukcesojn de 100–jara agado de esperantistoj. Mi tamen opinias, ke ili ne klopodis determini la kaŭzojn de tiuj sukcesoj. Se ili estus tiel farintaj, eble ni pli bone vidus kiel daŭrigi Esperanton. Ĉiuj scias, ke de antaŭ deko da jaroj nia movado malfortiĝas kaj nia kulturo dekadencas. Dum la Graza konferenco malfondiĝis ankaŭ la Internacia Asocio de Juristoj, tio sekvigas la malaperon de la plej bona fakrevuo en internacia lingvo, de la „Internacia Jura Revuo". La bela filozofia fakrevuo, SIMPOZIO, vivas dank' al sinofero de prof. Pauli, ĝi ankaŭ povas ekmorti, pro manko da abonantoj, tamen ĝia abonprezo estas ridinde malalta. La esperantistoj ne komprenas, ke nia lingvo pluvivas dank' al la ekzisto de originalaj kulturkreaĵoj, kaj neniaj amaskongresoj povos ĝin savi se niaj kleruloj ne plu laborados.

**La estonteco nigre nubas,**

ĉie venkadas la politikaĉa mezumeco, la etanima ĵaluzo, la komitatuma ranciĝo. Niaj fortoj elĉerpiĝas, ĉio nova estas abomenata kaj de ĉiuj flankoj oni invitadas nin agi man'—en-mane por fari, en restarigita sankta unueco ....nenion.

*Eugéne de ZILAH*





## HORIZONTALE:

1 – Diboĉema Asiria reĝ'. 2 – Vira nom' * Natrio. 3 – Venena serpent' * Part'. 4 – Armea antaŭpart' * Garde. 5 – Porpigrula ofico * Germanio. 6 – Egipta di' de scienco * Nege-moke. 7 – Nulo * Ruĝeca ter' * Monogramo de „Prologo"-aŭtoro * Metro. 8 – Italia river' * Pote kulturata arbedo. 9 – Tirana prem' – Francia departament'. 10 – Opia surogato.

## VERTIKALE:

1 – Krimea havenurb'. 2 – Perakve alportita tertavolo * Kolektiva. 3 – Duonparazita herbo * Senvokala roko. 4 – Moŝteckompleze * Kalio * Sufikso. 5 – Cigana virina nomo * Provizu per metalarmaĵo. 6 – Ronda modlur' * Lasta litero * Kamboĝo. 7 – Grup' * Enhavanta ciklan ĉenon. 8 – Paĝo * Pasersimila birdar'. 9 – Uzata por saŭcoj (radiko)) * Jodo * Granda usona lag'. 10 – Sparto.

## KRUCVORTENIGMO "KVE-12




---




***Prof. Juan Régulo Pérez, (E)***

*Mi ricevis leteron de Prof. Lapenna kiel reagon al mia publika ĝustigo kontraŭ la bona raporto, kiun aperigis la marta kajero 1987 de LG, lige kun miaj prelegoj en Homburgo, organizitaj de la Saarlanda Esperanto-Ligo. Prof. Lapenna min petis, ke, per kelkaj linioj, mi korektu miajn erarajn asertojn, „en la intereso de la vero, sed ankaŭ en la intereso de Esperanto", kaj li aldonis, ke, se mi tion ne faros, li mem devos ĝin fari kun granda bedaŭro".*

*Min vere ĉagrenas, ke Prof. Lapenna konsideris necesa sendi al mi leteron malkonsentan al miaj bonintencaj vortoj pri detaloj de eventoj, kiujn mi vive partoprenis antaŭ pli ol 12 jaroj, en 1974. Li asertas, ke li ne estis eksigita de la prezidanta posteno de UEA, sed ke li mem eksiĝis. Eble tiu ekspliko havas biografian, jure signifan nuancon el vidpunkto de Prof. Lapenna; sed la fakto estas, ke en Hamburgo oni ne reelektis lin kiel prezidanton. Ĉu eksigo, ĉu memeksiĝo, la historia rezulto estas la sama : li ĉesis esti prezidanto de UEA. Tiam mi, pro amikeco kaj morala solidaro kun la granda laboro por Esperanto de Prof. Lapenna, rezignis ĉiujn miajn postenojn en UEA, escepte de mia dumviva membreco.*

*En mia ĝustigo al LG mi asertis, ke el postaj konversacioj kaj korespondado kun komitatanoj de UEA, mi scias, ke en 1974 ne voĉdonis Prof-on Lapenna ankaŭ seriozaj komitatanoj, kiuj ne partoprenis la antaŭvoĉdonajn aranĝojn. Nun amiko Lapenna kvazaŭ pretendas, ke mi donu la nomojn de tiuj amikoj, el kiuj preskaŭ ĉiuj parolis aŭ skribis al mi private, ne por diskonigo. Se homoj ne volas kredi*

*miajn eldirojn aŭ konsideras ilin neĝustaj, ili ja rajtas tion fari. Mi bone scias, ke la „vero" estas nek neŭtrala, nek absoluta : mi spertis, ke pri sama publika kunveno du seriozaj ĵurnalistoj tute honeste raportis malsamajn komprenojn de la traktitaĵoj. Pri absoluta pravo kutime ĉefe parolas religiaj, politikaj, ekologiaj, vegetalismaj k.s. dogmismoj. Aldone mi plue kredas, ke publikigi nomojn nur povus reveki interkrucadon de leteroj, gazetnotoj, advokatecaj argumentoj ktp kun la rezulto de aperigo de nur gurditaj, apenaŭ akordigeblaj vidpunktoj. Repliki ne ĉiam signifas pravi; remaĉi sian indignon neniel aliigas la faktojn. Tial mi ne donos nomojn de homoj, kiuj, restinte ekster la kunligintoj, kontraŭis la gvidadon de Prof. Lapenna kaj sekve voĉdonis kontraŭ lia plua prezidanteco ĉe UEA.*

*/.../ Mi daŭre kaj firme opinias, ke Prof. Lapenna tute celkonscie gvidis la aferojn dum li estris en UEA. Mi neniam neis, ke en Hamburgo ekzistis ŝajnkunĵuro por lin faligi el la prezidanteco de UEA, kaj kontraŭ tio mi publike protestis. Kion mi asertis en* **LG**, *kaj plue asertas, tio estas, inter tiuj, kiuj ne voĉdonis por li, troviĝis seriozaj kontraŭsovetiismaj komitatanoj. Tiel amiko Lapenna simple malgajnis demokratan voĉdonon. Ke antaŭe oni kampanjis, tio nenion forprenas el la demokrateco de la voĉdono : kampanjoj estas kunsubstancaj je demokratia ludado.*

*/.../ Malgraŭ mankoj kaj evidentaj okazaj maljustaĵoj, mi ne konas pli bonan sistemon por kunvivado ol la demokration. Tial mi volonte agnoskas, ke Prof. Lapenna plene rajtas plue pledi por siaj vidpunktoj, kiel li jam faris en sia fama* ***Hamburgo en retrospektivo,*** *1975, kun 2a kompletigita eldono en 1977, kaj kiel li senĉese, senlace poste faris kaj plu faras.*

LG : Via letero ne trovis sian lokon en la antaŭaj numeroj de **LG**, tamen ĝi datumas je 22APR87. Vi rajtigis nin ŝpari lokon eltranĉinte du alineojn pri "kontraŭnaturaj aliancoj", kiujn vi spertis en viaj lando kaj universitato. Dankon. Multaj niaj legantoj jam sciigis al ni, ke ili jam sufiĉe konas pri la puĉo, kiu sovetiismigis UEA-n en 1974a, kaj ili deziras, ke ni lasu la temon iom ripozi. Prof. Lapenna promesis publikigi novajn, ankoraŭ nekonatajn aspektojn de ĉi tiu puĉo en la venontaj numeroj de la novtipa HORIZONTO. Scivolemuloj trovos tie respondojn al siaj demandoj.






# VARMAS EN ROMO

*Danilo Cerri (...) kiel preskaŭ ĉiu italo, havis duondormantan anarkiiston en si mem*

Mia unua estas etoso.
Mia dua estas heroo honesta.
Mia tria estas rakonto ritma kiel filmo.
Mia kvara estas temo samtempe aktuala kaj esperanta.
Mia tuto estas krimromano, verkita de Toskano, Corrado Tavanti, eldonita en 1986a de Kooperativo de Literatura Foiro, bindita okulfrape, ruĝe kiel sango, nigre kiel morto.

De la unua ĝis la lasta paĝo, la varmo sorbas ĉion : homojn kaj mensojn, murojn kaj motorojn... La somero premvarmas en Romo kiam el trans la maro blovas la suda vento, kiam el afrikaj dezertoj blovas la libia vento. La romano bone emfazas ke la varmego furiozigas ĉiujn sensojn : ĉefe odoroj iĝas pli ĉeantaj, pli potencaj, precipe odoroj ĝenaj, deprimaj, abomenaj : de la strato kiu odoraĉas je putrinta fiŝo ĝis la ĉambro kie plurtagaj cigaredstumpoj naŭzigas, tra la najbara loĝejo kie haladzas boligita brasiko aŭ ranca fritaĵo, oni ŝtopus al si la nazon ĉiu-paĝe, kaj eĉ oni ne plu scias ĉu la huliganoj stinkas pli aŭ malpli ol la kokin-fekaĵoj...

Ankaŭ la Urbo plenplenas je bruoj agacaj bruoj de trafiko, aŭtoj, stacidomoj, senĉesaj triloj de telefono, sonoriloj... stratvendistoj kaj mekanikistoj... televidoj kaj radioaparatoj... kaj senĉese ĉie la lasta laŭmoda kanzono aŭdata ĝisnaŭze...
Multaj detaloj, vibroj, odoroj, bruoj kreas etoson de ardigita urbo, laciga, kies loĝantoj ŝajnas eĉ ne siesti. Jen grava aspekto de la romano.

Sekvante la heroon, ankaŭ la leganto apudas la mondon de neriĉuloj, etuloj, kelkfoje vulgaraj, anoj de mezetaj sociaj klasoj. Sed, se la etoso de mezaĉeco sufiĉe konvinkas, la dialogoj, la paroloj, la insultoj ŝajnas pli artefaritaj : ili ne respegulas la realaĵojn sperteitajn en Esperanto-medioj : iuj kliŝe parolas,... aliaj intelekte,... neniu instinkte... kaj ĉefe ne popolaĉe.

Tamen ... maloftas freŝaj odoroj... de presinko,... de papero..., gaja kraketado de tajpilo..., kiam Danilo Cerri, la heroo, sukcesas, pli kaj pli aventuroze, atingi sian laborejon kaj anticipe ĝui la efekton de siaj artikoloj je la legontoj. Nome Danilo Cerri estas gazetisto malbonŝanca, intelektulo „dicevita", simpatia, sen aĝo, sen mono, ... kaj ... esperantisto... Kial ne?
Ĉu hazarde?... Ne,... banale en la varma kaj eksplodema Italio... terorisma atenco kontraŭ ambasadejon. Malpli banale... atenco eble ligita al „Verdaj Brigadoj"...! De tiam Danilo Cerri travivas aventuron.

Pri la atenco li reporteras... despli sperte ke li estas esperantisto.



Al la polico li utilas.... ĉar li estas esperantisto.
Vole-nevole li estiĝas enketanto... pro la „skupo".
Kaj la polico bezonas lin, protektas lin... kaj suspektas lin!
Sed li estas riskema pro plezuro, aŭ li iĝas riskema, pro intereso, pro la kresko de sia legantaro, do pli kaj pli danĝeraj estas liaj sekretaj rendevuoj, kaŝitaj iroj kaj aliroj, eĉ renkontiĝoj kun virinoj, kiuj estas ne multe pli ol inoj...
De murdoj ĝis atakoj, oni preskaŭ forgesus la unuan atencon, kaj Danilo Cerri ŝajnas esti la onta viktimo!

Veras ke terorismo banaliĝas de kelkdekoj da jaroj. Tamen, imagi esperantistojn iĝante teroristoj, eĉ se stranguloj abundas inter ili, imagi la esperantistaron simila al famaj ribelitaj minoritatoj – armenoj, palestinoj, vaskoj –, imagi seriozan komisaron suspektante internacian komploton de esperantistoj, imagi – sekve – ĉiulandan ekfloradon de leĝoj kontraŭ esperantistojn... la leganto, kiu povas esti nur esperantisto, taksas la ideon ja naiva.

Resume : romano avide elleginda, pro la lerteco de la intrigo – ĉefa kvalito de krimromano – pro la glateco de la stilo, pro la vereco de la etoso.

*Madeleine de ZILAH*

**La Migranto**

riĉe ilustrita revuo pri turismo, naturbelaĵoj, flaŭro kaj faŭno, ekologio, naturprotektado kaj kulturaj aferoj, estas eldonata de la Esperanto-Fako de Turista Asocio „La Naturamikoj" (TANEF). Ĝi aperas kvaronjare kaj kostas nur 7.00 fr. sv. Petu senpagan provekz-eron de : Liesel Nagel, Roseggerstr. 17, D - 7800 Freiburg, F.R. Germanio.

## LA VERAJ MOTIVOJ DE K.SCHUBERT

En la junia kajero 1987 de la UEA-revuo, por pli inde festi la 80-jaran ekziston de la periodaĵo, aperis demenca recenzo de iu K. Schubert pri mia Werther-traduko. Li represas litanion jam faman pri „individua dialekto de la tradukinto" kun la evidenta nescio pri kio fakte estas dialekto.

Mi lasos al aliaj juĝi pri ĉi „recenzo", sed certe estos amuze scii pri la veraj motivoj de Schubert. Efektive, UEA bezonis tri jarojn por ricevi „aparte kompetentan" recenzon pri ĉi verko (Osmo Buller al SEL, 1987-05-06).

Nu, ni devos retroiri al 1979/80, kiam la juna Schubert gvidis tradukkonkurson de Germana Esperanto-Instituto, kies ĵurio konsistis el Louis Beaucaire (+), Hartmut Trunte kaj Gerhard Ziegler (+). Tiam mi laboris super la traduko de tri noveloj de Eichendorff kaj decidis partopreni la konkurson per fragmento el „La marmora statuo". Tamen sub alies nomo. Per cirkulero de 1980-08-05 Schubert informis, ke „la juĝantoj aljuĝis la unuan premion al Josef Dörr". Kiam mi informis al Schubert pri la mistifiko, li montriĝis ofendita kaj petis de mi „seriozajn proponojn" por plibonigo de la ĝenerala lingvo-scio, kvazaŭ ilin mi neniam farintus.

La tiama organo de GEA, *Esperanto en F.R. Germanio (n-ro 22, 1980, p. 6)*, korektis la informon pri la vera gajninto (mi cetere rifuzis akcepton de „premio").

Nu, mi ne rakontus ĉi bagatelan epizodon, se ne miaj tiamaj tradukprincipoj aplikitaj en *La suferoj de la juna Werther (1984)* kaj *Tri noveloj de Eichendorff (1985)* estus precize la samaj kiujn nun la sama Schubert kiel dungita kritikaĉisto de UEA pilorias, cetere sen ajna pruvo pri la pravo de sia „argumentado". Tiele lia recenzo „legiĝas kiel apoteozo de kretenismo kaj de plej mava intenco", kiel skribis al mi korespondanto. Estus ja interese scii, sur kiuj spertoj maturiĝis la traduka talento de Schubert?

Adolf Burkhardt, mem kapabla tradukanto, venis al aliaj konkludoj (DIALOGO 1985, p. 24-25), sed li ne havis kaŭzon rankori...

*Reinhard HAUPENTHAL*

# MORTIS ISTVÁN SZERDAHELYI

Kiam ĉi-somere mi revenis de tri-semajna ferio en Dordogne inter miaj poŝtaĵoj unu letero aparte interesis min. Efektive, de du monatoj mi atendis informon ĉu post siaj prelegoj fine de majo en Sarlando István Szerdahelyi bone reatingis sian hejmon.

En Homburg, en la kadro de nia 29a Kultura Semajnfino, li donis panoraman superrigardon pri la diversaj facetoj de interlingvistiko kaj esperantologio. Ĉi temaro ja prezentis lian ĉiu-tagan panon : li estis la sola, kiu de du dek jaroj plen-postene instruis ĉi fakon en la budapesta universitato. La frukto de tia laboro scienca montriĝas en granda serio de fakaj verkoj : libroj kaj artikoloj.

Apud tio Szerdahelyi aktivis en la pedagogiaj rondoj (iam li mem estis aŭtoro de rusaj lerno-libroj por skolanoj), laste kiel prezidanto de ILEI. Sed kun la paso de la jaroj li agadis ankaŭ ali-loke en la Movado : kiel vicprezidanto de HEA, kiel honora membro de UEA kaj kiel membro de la Akademio de Esperanto.

Li venis al Sarlando post grava gal-operacio jar-komenca, sed evidente sentis sin bone inter la lokaj esperantistoj, en la inspira atmosfero homburga ĉe la edzinaj gekuzoj sarlandaj kaj ĉefe pro trankviliga informo de konsultita kuracisto, disvolvis novan optimismon kaj planoj por la proksima futuro, inter kiuj nova venont-jara vizito kun la edzino.

Nu, ĉiujn ĉi revojn mi vidis disbatitaj post aperto de lia letero : per pokaj frazoj li informis pri la konstanta maviĝo de la sano kaj miaj telefonadoj kun la parencoj konfirmis mian timon : pankreasa kancero forkonsumis vivon apenaŭ 63-jaran. La 21-an de aŭgusto, unu monaton post ĉi-lasta letero, li estingiĝis.

La Movado kaj la plan-lingva scienco perdis grandan viron, ni, kiuj havis la privilegion koni lin persone, karan amikon.

*Reinhard Haupenthal*



*Istvan Szerdahelyi dum la lasta semajnfino de SEL en Hómburg, 24MAJ87*

**István Szerdahelyi:**

# LULLUS KAJ LA FILOZOFIA LINGVO

Ĉu la verkaro de Lullus estas konsiderebla kiel semiotika modelo, nomata «filozofia lingvo» aŭ laŭ alia termino «apriora lingvo»? Por respondi al tiu demando unue estas fiksenda la signifo de tiuj ĉi du terminoj.

La termino «apriora lingvo», kvankam jam enradikiĝinta en la interligvistika literaturo, ŝajnas esti ne tute oportuna. Ĝi ŝajnigas, kvazaŭ tiu sistemo estas konstruita «antaŭlingve» aŭ «eksterlingve». Sed ĉiu semiotika modelo deiras de la homa lingvo, ĉiu model-konstruanto pensas lingve sekve: ĉiu modelo, ankaŭ la t.n. «apriora», estas modelo de la homa lingvo. Do tiaj difinoj, laŭ kiuj la aprioraj lingvoj ne baziĝas sur iu/j lingvo/j estas falsaj, kaj tute ne estas akceptebla tiu difino, laŭ kiu apriora estas tiu lingvo, «kiu ne similas al iu etna lingvo». Sekve: estas serĉendaj aliaj kriterioj por ĝuste difini la terminon «apriora lingvo»-aŭ pli ĝuste «filozofia lingvo».

La lingvo estas la baza semiotika sistemo, el kiu deriviĝas ĉiuj aliaj semiotikaj sistemoj kaj kiuj estas interpreteblaj nur en la homa lingvo mem. La generadon de certaj semiotikaj sistemoj postulas certaj bezonoj, kiuj — kvankam ilia kontentigo potencie enestas en la lingvo mem — fakte aŭ ŝajne ne estas sufiĉaj. Tio signifas, ke ĉiu konstruanto de iu lingva modelo deiras el la kritiko de la lingvo.

Ekz.: la neces-bezono fiksi tempe la lingvon naskis la skribon. La postulo sekvi sinkrone la akustikan tekston skribe naskis la stenografion, la neceso transformi la skribon je luma, flaga aŭ telegrafa kodo naskis la Morsan alfabeton, ebligi la «legadon» al blinduloj — la Brajlan sistemon, ekskludi la neinicitojn el la interpreto de la skribo — la kriptografion, fine, ebligi la internacian skriban komunikadon — la pazigrafiojn.

Ĉiu filozofio — esprimite aŭ ne — estas samtempe ankaŭ iaspeca kritiko de la lingvo. La filozofo, strebante al la kreo de «la sicenco de sciencoj», bezonas tian lingvon, per kiu oni senmanke povas ekkoni kaj priskribi la universalan realaĵon. En tiu klopodo la filozofo rimarkas, ke en la homaj lingvoj inter la signo kaj signifo estas breĉoj, mankas la adekvateco kaj en la kombiniĝo la gramatika sintakso ne sekvas adekvate la logikan pens-trajektorion. Sekve oni konkludas, ke la unuopaj lingvoj estas mankaj, neperfektaj, ne taŭgaj por iliaj celoj. La celo de projektanto de filozofia lingvo estas krei idealan, perfektan, universalan lingvon, kies ĉefaj karakteriziloj estas:

1. la enciklopedio, t.e. la inventaro de ĉiuj koneblaĵoj;
2. la diserigo de la kompleksaj ideoj je simplaj kaj la konstruo de la alfabeto de simplaj ideoj;
3. al tiuj ideoj alkroĉi adekvatan signon, realigante la perfektan homomorfismon, t.e. la perfektan kongruon inter la signo kaj signifo;
4. la signo — kvankam konvencia — devas esti ĉiam motivata: t.e. konante la sistemon el la signo oni povu rekte dedukti la signifon;
5. ĉiu signo estu facile kombinebla kaj ĉiunivela kombino (morfemika aŭ sintaksa) devas strikte sekvi la logikajn leĝojn tiel, ke la pensado transformiĝu je kombinatoria kalkulado per la signoj;
6. la ĉefa celo estas koniva; tamen ĉiam ĉeestas ankaŭ kiel sekundara celo: la komunikacia. Ĝuste tio transformas la puran formalan kodon je «lingvo»;



*Lullus komprenis, ke la Eklezio devas anstataŭigi la krucmilitojn per la amo. Antaŭulo de misiistoj, li enŝipiĝis por konigi Kriston al Afrikaj muzulmanoj. Bildo el 14-jarcenta manuskripto Karlsruhea.*

7. el la celo kaj karaktero de la modelo sekvas:
   a) socia implico — la universalisma koncepto;
   b) mnemonika principo — preskaŭ ĉe ĉiu filozofia lingvo-projekto troviĝas aludo al ĝia facila ellerneblo.

La aposterioristo kritikas la lingvon el tute alia optiko: ĉar li pensas en pure praktikaj-pragmatikaj kategorioj, celante solvi la sociajn problemojn, kaŭzatajn de la diverslingveco, oni kritikas la etnajn lingvojn pro ilia nereguleco, malfacila alproprigeblo, ligiteco al certa etno k.a. Sekve oni celas konstrui regulan, facile alproprigeblan elastan sistemon, neŭtralan internacian help-/pont-lingvon. En la aposterioraj sistemoj la signoj estas arbitraj kaj nemotivitaj, la rilato inter signo kaj signifo ne estas rigore adekvata (kvankam pli ol en la historie elformiĝintaj lingvoj), la gramatikaj reguloj ne kongruas al la logikaj (kvankam la grado de ilia reguleco estas multe pli alta, ol tiu de etnaj lingvoj).

Se ni komparas la Lullus-an sistemon al tiuj du model-tipoj tuj evidentiĝas, ke la aposteriora tipo estas tuj ellasebla (Lullus ja konsideris taŭga por tiu funkcio la latinon).

Sed komparante lian sistemon kun la kriterioj de la filozofia lingvo evidentiĝas, ke preskaŭ ĉiuj elementoj enenstas en la Lullus-a verkaro, krom la celdifino (ĉe Lullus misiisma). Tamen ĝi ne formas koheran tuton: tiuj elementoj estas disigitaj en pluraj verkoj kaj neniam kunorditaj en unueca sistemo, konsiderebla «lingvo». (Ekzistas tamen opinioj, laŭ kiuj la sistemo kontentigas tiun postulon: «La scomposizione dei concetti composti in nozioni semplici e irriducibili, l'impiego di lettere e di simboli per indicare le nozioni semplici, la meccanizzazione delle combinazioni tra i concetti operata per mezzo delle figure mobili, l'idea stessa di un linguaggio artificiale e perfetto (superiore al linguaggio comune a quello delle singole scienze)» (Rossi v.c., pĝ. 46).

En la enkonduko ni citis la opinion de Prantl, laŭ kiu Lullus havas nek antaŭulojn, nek posteulojn en la historio de sciencoj. Pri la antaŭuloj ni jam parolis. En la sekva parto ni volas demonstri, ke malmultaj scienculoj de la 13-a/14-a jc. havis tiom grandan influon en la plej diversaj sciencaj medioj, kiel ĝuste Lullus, kaj ke en interlingvistiko Lullus tutprave estas konsiderebla kiel la deir-punkto, eĉ se ne en tiu senco, kiel oni konsideris lin ĝis nun.

*El SERTA GRATULATORIA, in honorem Juan Régulo ( La Laguna, 1985 )*










SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO „ŜPB-11"
1. tE1 - A1! (kG5-E7 /aŭ D8/ se 1. kG5-aliloke, tiam 2. dB6-F6, mato).
2. dB6-G1 (minacas 3.dG1-G4, mato, ...kE7 /aŭ D8/ - G5,)
3. dG1-B1, mato.

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | R | I | M | L | E | T | E | R | O | P |
| 2 | O | R | I | E | L | ■ | Ĝ | I | R | U |
| 3 | K | I | K | A | R | O | ■ | G | A | S |
| 4 | M | A | R | ■ | A | D | I | A | N | T |
| 5 | O | N | O | ■ | D | E | ■ | ■ | Ĝ | I |
| 6 | N | A | S | K | I | T | A | R | O | N |
| 7 | T | ■ | P | E | K | A | N | O | ■ | I |
| 8 | A | D | O | R | I | ■ | E | S | K | A |
| 9 | R | U | R | ■ | G | E | M | ■ | E | N |
| 10 | O | P | O | Z | I | C | I | U | L | O |

**Gratulojn al la solvintoj de la krucvortenigmo "KVE-11"**

**s-ro Lennart Persson (S)**
**s-ro Mogens Rude Andersen (DK)**
**d-ro Guido Holz (D)**

# KIEN NI IROS

30a **KULTURA SEMAJNFINO en HOMBURG-SAAR, 4-6DEC 87,** adreso : SEL, Schulstr. 30, D-6601 SCHEIDT (Germanio). Aliĝkotizo 15 Ds (7,20 ekuoj). Plena pensio por unu tago 45 Ds (21,60 ekuoj). La prelegserio komencas sabaton posttagmeze je la 14a30.
- prelegserio de prof. d-ro Ivo Lapenna (GB) pri la temo „Humaneca Internaciismo kaj Perspektivoj de Esperanto sur la sojlo de la dua jarcento".
- kursojn por progresantoj gvidos s-ro Kreŝimir Barkoviĉ (F).
- kursojn por komencantoj gvidos s-ro Hermann Behrmann (D).
- la infanojn prizorgos s-ino Takajo Walz.

Bonvolu aliĝi antaŭ la 28a de Novembro 1987.

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA,** adreso: Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svisio). Sorĉa pejzaĝo de Ĵurasaj montoj kaj svisa perfekteco de komforto.
- Esperanto-staĝoj por komencantoj kaj progresantoj : 23-28NOV87, 21-26DEC87, 25-30JAN88, 15-20FEB88.
- 26-31OKT87 : 1-A KRISTANA KULTUR-SEMAJNO ESPERANTISTA, gvidos pastro Bernard Eichkorn.
- 26DEC87 - 03JAN88 : VINTRO FERIADO; promen-skiado, prelegoj pri la temo „ekologio de la grundo" fare de Markus Beckmann, lingvo-perfektiĝo.
- 15-20FEB88 : MODERNAJ PENSULOJ INTER ORIENTO KAJ OKCIDENTO, 2a Seminario pri la PENSMANIEROJ OKCIDENTA KAJ ORIENTA. Lekcios Eugène de Zilah, filozofo.

Prezoj de semajna aranĝo : 360 CHs (207 ekuoj) en kvarlita ĉambro, 390 CHs (224 ekuoj) en dulita ĉambro, 450 CHs (258 ekuoj) en unulita ĉambro.

# Internacia Esperanto Konferenco 1988 en Metz (Francio)



Serena rivero, intimaj placetoj, mallarĝaj stratoj, malnovaj domoj burĝaj, rava muzeo bazita sur palaco galla-romia, gotikaj preĝejoj superitaj de impresiga katedralo, imponaj monumentoj elvokantaj la militrolon tra la pasintaj jarcentoj... jen **Metz**, ĉefurbo de Loreno, arta kaj historia urbo de Orienta Francio, kadro de la INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO 1988.

La konferenco okazos **de la 30a de julio ĝis la 6a de aŭgusto**, tuj post la UEK en Roterdamo.

- Konferenca temo, **Internacia kaj Naciaj Kulturoj sojle de la 2a jarcento de Esperanto**, pritraktota de elstaraj prelegantoj : prof. Ivo Lapenna, Evaldo Pauli, Giorgio Silfer, Tyburcjusz Tyblewski, Walter Zelazny, Eugène de Zilah...
- Du kursoj : por komencantoj kaj konversacia kurso.
- Kunvenoj de kulturaj asocioj: filozofoj (FAT), historiistoj, ... kaj forumo de M.F.K.A.
- Kroma programo por junuloj.
- Distra programo por ĉiuj.
- Bankedo por frandemuloj kaj tutnokta balo por kuraĝuloj.
- Postkonferenca aranĝo : **„Tri tagoj en Parizo"**.

Vi estos prizorgita de la junuloj de la Esperanto-Klubo de Metz, entuziasmaj kaj efikaj : vi estos ĉarmita de la kongresejo, dekokjarcenta domaro ĉirkaŭ kvieta korto, taŭga por revi, mediti, debati, kafumi; vi estos ravita de la loĝado apud la urbocentro, tre komforta en hotelo aŭ tre malmultekosta en gastdomo, ambaŭ en trankvilaj kvartaloj.

**Rabatoj** por orienteŭropanoj, rifuĝintoj, junuloj kaj karavanoj de minimume 10 personoj.

I N F O R M U   V I N   Ĉ E : Madeleine de Zilah, 39 rue Joseph Hénot, F-57070 Metz (Francio).





# pri "Literatura Manifesto '87"



Guido Holz



Kris Long

/.../ mi ne volas preterlasi la ŝancon esprimi mian opinion pri la „Literatura Manifesto '87" (LG 11, p.18). Mi nepre ne povas „subskribi" ĝin. Estas vere, ke ankaŭ mi ne subtenas la totalan esperantigon de nomoj, la „malgramatikigon" de la vortradikoj, la ŝanĝon de la verba „aspektismo" kontraŭ nura „tempismo", la „senĉapelisman" reformon de la Esperanta alfabeto. Mi krome konscias, ke ne nur en la beletro kaj la poezio, sed ankaŭ – kaj antaŭ ĉio – en la politiko, la ekonomio, la sciencoj kaj la tekniko senĉese necesiĝas neologismoj, kiuj siaflanke ofte transiros rekte (t.e. en litera senco) aŭ malrekte (t.e. en metafora senco) en la lingvon de ĉiutaga vivo. Sed mi decide pledas por tre prudenta kaj ŝparema uzado de neologismoj. Estas ridinde postuli precizajn indikojn pri permesebla kvanto : tio ja dependas de la kvalito kaj la nivelo de la temo traktata, de la kultura-socia tavolo de la adresatoj, de la aŭtora esprim-intenco kaj de la literatura ĝenro. La aŭtoroj de la Literatura Manifesto prave sin defendas kontraŭ „la hobia Esperanto de eternaj komencantoj" – sed per siaj prunteprenoj el diversaj fakvortaroj (kapei, dikotomio, pletoro, anatemi, inercio, involucia) ili klare sciigas al la legantoj, ke povas ekzisti ankaŭ hobia Esperanto sur elita kaj esotera nivelo kaj ke la „risko de skismiĝo" do ne estas pura fikcio.

La Literatura Manifesto '87 montras laŭ mi ne slavan, sed sklavan spiriton : obeemo al nacilingvaj gustoj. Ĉu la nesubskribintoj ne povis imagi, ke en Esperanto regas aliaj kriterioj? Ke, ekzemple, preferindaj estas vortoj kiel eble plej fundamentaj, dum neologismoj montras tekston bombasta, fanfarona ... Ke en nacia lingvo vorto nun malofte uzata povas tamen havi profundajn radikojn en la lingvo mem, dum en Esperanto tiaj vortoj preskaŭ ĉiam aliloke radikas...
Aliflanke : apartiĝo de parola kaj literatura lingvo estas malsano, kiun en nacia lingvo oni celas kuraci. Kompreneble literatura teksto povas esti aparte bonstila; sed uzado de neologismoj ofte signifas nur, ke jen poezio.
Novaj vortoj povas tamen esti necesaj, en fakaj tekstoj aŭ el kulturoj, kiuj ĝis nun Esperanton ne influis – sed ne se ili fontas el „rutino kaj inercio" (kiel 'vortprocezilo' anstataŭ la logika 'redaktilo'!)
Nu, la verkojn de Karolo Piĉ mi ĝuas malgraŭ ĝisoscedaj namoj ktp (laŭ „Primico" nami : saluti hinde, kunmanante tiel, ke la manplatoj komplete intertuŝiĝas kaj la rigide streĉita fingraro montras antaŭen, iom supren..."), vere „novica balasto" – aŭ pli ĝuste – ŝaŭmo, kiu post jardekoj forŝvebos. Sed, leginte komencon de „Cent jaroj da soleco", kiu tekstas jene : „Multajn jarojn poste, fronte al

la ekzekut-plotono, kolonelo Aureliano Buendia memoris la pasee foran postmidon...", kiu efikas kiel sinsekvo de elektraj skuoj — mi rezignis, mirante, ke en aliaj lingvoj oni povas ĝui tian romanon.

---



**Lennart Persson**

**Al „LA GAZETO" kaj al la anonimulo kiu skribis „Literatura Manifesto '87"-n**

La Iltisa Skolo pledas en n-ro 11 de LG por pliriĉigo de Esperanto, per enkonduko de pli da novaj vortoj en la lingvon. Por ke ĝi ne restu rudimenta sed havu esprimeblecojn je nivelo de naciaj lingvoj.
Sed la novaj vortoj kiujn ili volas enkonduki estas ja preskaŭ nur duoblaĵoj de jam ekzistantaj. Nomu ilin sinonimoj, neologismoj aŭ novaj vortoj, ili tamen funkcias nur kiel nebezonataj duoblaĵoj aŭ anstataŭantoj de jam ekzistantaj.
El la teksto de la manifesto mi devis en vortaro serĉi la signifojn de : folaj, nociva, pletoro, pokaj, supla, dikotomia. Pro kio ne taŭgis : frenezetaj, malutila, troabundo, malmultaj, malrigida, disduiĝado, kiuj estas komprenataj de certe dek-foje pli da esperantistoj ol estas la vortoj uzitaj de Iltisa Skolo? La signifoj estas ja la samaj.
La manifesto diras, ke granda parto de la verda popolo ne sentas ĝenon de la senĉesa plimultigo de neologismoj en nacilingvaj vortaroj. La mortaj vortoj en vortaro ĝenas neniun, sed kiam ili aperas skribe ekster la vortaro, aŭ buŝe, la popolo protestas, ankaŭ la verda. Ĉar ĉiu homo povas komuniki nur per lingvo kiun li komprenas. Nur unu „lingvoriĉiga" vorto povas fuŝi la tutan signifon de frazo, se la viktimo de la neologismo ne konas la lingvon el kiu ĝi venas. Se oni devas lerni sennombrajn fremdajn lingvojn por kompreni Esperanton, la Internacia Lingvo faras sin mem superflua.
Estas ja vere granda perdo, kaj de tempo kaj de lingvoscio, lerni, ekzemple, po 300 vortojn por 100 signifoj, anstataŭ 200 novajn vortojn kun 200 radikaj signifoj. Profesoro Collinder, lingvisto kaj esperantisto, skribis en libro pri la sveda, ke ĉiu ŝanĝo de lingvo estas malbono. Kaj Lapenna diris ke, lingvo vane havas centmilojn da vortoj, se tiuj estas nur balasto. Kaj estas balasto kiun Iltisa Skolo regalos al tiuj kiuj volas komunikiĝi per Esperanto. Teorie la nomita skolo povus starigi Esperanton sur la saman nivelon kiel la naciaj lingvoj, sed mi protestas kontraŭ tia malaltigo de la preskaŭ perfekta Internacia Lingvo.
Mi havas kaŭzon timi la estontecon. Mi scipovas nur du lingvojn, la svedan kaj Esperanton. De jaro al jaro la sveda pli kaj pli rapide transformiĝas al nekomprenebla sved--angla miksaĵo. Se la Iltisa Skolo sukcesos en siaj klopodoj kaj Esperanto estos miksita kun anstataŭantaj vortoj por la plejmultaj esprimoj, mi perdos ankaŭ tiun lingvon kaj mi iĝos analfabeto, aŭ pli ĝuste, senlingvulo.

---



**Gemma Rassouw**

Ankoraŭ foje mi havas la plezuron reaboni vian revuon. Tre plaĉis al mi la artikoloj de S-ro de Zilah, ofte mi samopinias kiel li, sed mi diru ke la afero : „Iltisa skolo" iomete tiklas min. Eble mi ne kapablas kompreni ĉar mi ne estas eminenta en lingvistiko, mi estas nur simple : Esperantistino. Ĉu tiuj reformistoj ne respondecos pri skismo en nia movado? Se ili opinias, ke la lingvo ne taŭgas,

*kial ili ne faru alian lingvon, kiel iam faris BEAUFRONT, li donis nomon al sia eltrovo kaj laŭ mi, se oni volas aldoni tro da ŝanĝoj al nia lingvo, oni ne plu nomu ĝin Esperanto. Estas kompreneble, ke ZAMENHOF ne scipovis antaŭvidi pri novaj inventoj kiuj do bezonas novan vorton en la lingvo, sed per favore, ne „sabotu" la genian kreadon de ZAMENHOF. Post jarcento, Esperanto ankoraŭ ne estas firma sur la tero, kaj jam oni volas ŝanĝi ĝian aspekton. Eble vi opinios min „konservativa", sed ŝajnas al mi pli bone varbi por disvolvigi Esperanton anstataŭ ĝin reformi.*



*Rikardo Ŝulco*

**KURIOZEGA MANIFESTO '87**

Al DIALOGO, 1987/januaro ĝis majo, estis ĉemetita kvarpaĝa flava folio LITERATURA MANIFESTO '87. Eltranĉebla kaj kiel poŝtkarto uzebla apartaĵo invitas la leganton subteni tiun manifeston per sia subskribo kaj sciigi tion al la Sarlanda Esperanto-Ligo. La manifesto mem ne estas subskribita. Neniu nomo indikas ĝian aŭtoron.

La enkonduka parto parolas pri la graveco de la Esperanta literaturo por la plua ekzistado kaj evoluo de la lingvo, substrekante, ke al ĝi estas ŝuldata necesa kohero, per kiu la lingvo povis rezisti al ĉiuj provoj reformi ĝian sintakson, ĝian morfologion, ĝian ortografion kaj eĉ ĝian bazan strukturon.

Tuj poste la aŭtoro de la manifesto plendas, ke en la Esperanto-movado persistas la diskutado pri la totala Esperantigo de propraj nomoj, pri la gramatika karaktero de la radikoj, pri la Zamenhofa temposistemo, pri alfabeto sen ĉapelitaj literoj kaj pri la enkondukado de neologismoj. Li laste plendas pri la kritiko, kiu precipe direktiĝas kontraŭ la aŭtoroj, „kies plej signifaj verkoj publikiĝis/as ĉe la eldonejo Iltis". Sekvas ses paragrafoj prezentantaj la principojn „de la membroj kaj simpatiantoj de la t.n. Iltisa Skolo".

Jen estiĝas demando : Kiu estas tiu sinjoro Artur E. Iltis, eldonisto en Saarbrücken, sub kies nomo konsistigas sin beletra skolo. Ĉu li estas Esperantisto? Kial la Iltisa Skolo estas anonima grupo, el kiu neniu subskribas la manifeston ĝin prezentantan?

Laŭ punkto unu la Iltisa Skolo estas fidela al la reguloj aŭ ĉu al la tuta Fundamento inklude de la Universala Vortaro, la Antaŭparolo kaj la Ekzercaro? Kia aspektas ĝia fideleco aparte al la sesa regulo rilate la aplikon de la logiko rekomenditan de Zamenhof?

Laŭ punkto du la Iltisa Skolo inspiriĝas rekte en la artismo de la Budapeŝta Skolo kaj precipe de ties korifeo Kalocsay. Ĉu la Iltisaj skolanoj ne fidas sian propran inspiron, konfesante sin epigonoj de alia skolo?

Laŭ punkto tri la Iltisa Skolo konscias, ke Esperanto bezonas daŭran enkondukon de neologismoj. En tio ĝi certe pravas, sed se ĝi en tio sekvas la modelojn de Karolo Piĉ, al kies Litomiŝla dialekto mi estas dediĉinta kelkajn paĝojn en PLEDO POR UNUECA LINGVO, kaj de Fernando Dediego, kies lingvaĵoj Reto Rossetti opinias dialekto kaj lingva marasmo, ĝi baldaŭ sufokiĝos pro la proliferado, t.e. la multobliĝado, de siaj propraj neologismoj.

Laŭ punkto kvar la Iltisa Skolo atendas, ke la Esperantistoj kondutu rilate al Esperanto kiel rilate al la propraj naciaj lingvoj. Tiu estas absolute erara pretendo. Esperanto estas io esence alia ol iu ajn el la etnaj lingvoj. Ĝi estas arte farita lingvo, ĝi havas fiksan kodon, ĝi baziĝas sur severe atentenda konvencio (la Bulonja deklaracio de 1905), ĝian evoluadon kondiĉas sciencaj principoj, al kies kadro devas konfirmiĝi literaturaj gustoj kaj indi-

viduaj arbitraj tendencoj.

Laŭ punkto kvin la Iltisa Skolo strebas al lingvo pli riĉa, pli fleksebla, pli elvoka, pli natura, pli taŭga por tradukadoj kaj originalaj verkoj. Ĝi aspiras esprimi sin klare, koncize kaj simple. Tio estas belaj vortoj! Kiu Esperantisto ne salutus tion! Ni nur povas deziri kaj esperi, ke la Iltisa Skolo ankaŭ sukcesos en tiu strebado.

Laŭ punkto ses la Iltisa Skolo ne povas preni serioze la protestojn de kelkaj aŭtoroj kontraŭ neologismoj. Ĝi do prenu ilin malserioze kaj eltrovu mem la ĝustan dozon, kiun la kritikantoj rifuzas indiki. Per ĝia strebado laŭ punkto kvin ĝi apenaŭ ne povas ne maltrafi la konvenan neologisman kvanton.

Kiel disĉiplo de Ludoviko Mimoo kaj kiel konvinkita subtenanto de la Analiza Skolo, kiu sin komprenas ne kiel dogmaron, sed kiel metodon, mi nun turnas min al la Iltisa Skolo kaj invitas ĝin malkaŝi sian anonimecon, subskribi la Literaturan Manifeston '87 kaj agi laŭ siaj belaj strebadoj, tute aparte rezigni ĉiujn deflankiĝojn, kiuj dialektigas la lingvon, kaj precipe ankaŭ priatenti la bazan kodon de la lingvo kaj la aplikon de la logiko; kiun Zamenhofo estas indikinta kiel la rimedon por progresigi la lingvon.

Kaj nun, por vidi, kia estas la lingvaĵo, al kiu intencas forlogi nin la Iltisa Skolo, ni iomete analizu tiun de la Literatura Manifesto '87, kiu ja certe estas skribita de iu el ĝiaj subtenantoj (laŭ la stilo supozeble de Fernando Dediego) :

**se konsideri** estas sensubjekta infinitivo, ĝuste „se oni konsideras" **la momento de sia naskiĝo** Kies estas la momento? Ĝi estas „de ĝia naskiĝo".
**ĉi ŝtormoj** „ĉi tiuj ŝtormoj" aŭ „tiuj ŝtormoj"
**ĉi Manifesto**
**ŝtormoj kaj uraganoj koviĝas** Kiom stranga bildo! Kiom aparte trafa literatura lingvo!
**esperantistoj** la neŝanĝebleco de la radikoj estas elstara propreco de Esperanto : „Esperantistoj", „Esperantigo", „Esperantan"
**unua-loke, cent-jara, mil-foje, verbo-sistemo, naci-lingvaj, esprim-eblecoj, lasta-tempe, dat-reveno** Tiun infanecan streketadon la Iltisa Skolo liveras al la amantoj de beletro!
**sinsekvaj generacioj** La akuzativa „-n" estas tradicia eraro, ne temas pri „sino", prefere „intersekvaj generacioj"
**fola, poka** poeziaj esprimoj, malkonvenaj en proza teksto, laŭ PIV „gaje frenezeta" kaj „malmulta"
**Iltisa** estas ekzemplo de totala Esperantigo de propra nomo
**dikotomio** „disduiĝado"
**nul ĝenon** atenco al la tabelvorta sistemo :„neniun ĝenon"
**pletoro** „troa abundo"
**ĉefe** tute ne rilatas al ĉefo ĉi tie : „precipe"
**fidelas** ago ne estas estado : „estas fidela"
**supla** „adaptebla, elasta, fleksebla, fleksiĝema, malrigida"
**elvokiva, nociva** La sufikso „-iv" estas nenecesa balasto, almenaŭ ĉi tie : „elvoka, elvokpova" kaj „noca, malutila"
**involuciaj tendencoj** ekzistas nek en PIV nek en la glosaro de Vatré.
**la ŝanĝo de la aspekta verbosistemo al la tempa interpreto** devus teksti : „la ŝanĝo de la Zamenhofa verbosistemo al la aspekta Varengjena doktrino"
**membroj kaj simpatiantoj de la t.n. Iltisa Skolo** t.e. „anonimuloj".

Kaj Zamenhofo? En lia letero al Borovko li skribas, ke „la sufiksoj donas la eblon el unu vorto fari aliajn vortojn, kiujn oni ne devas aparte ellernadi" kaj ke „sur la terurajn grandegulajn vortarojn falis radio de lumo", ke „ili komencis rapide malgrandiĝi antaŭ miaj okuloj." Ni do reiru la vojon, kolektu tiom da neologismoj kiom eble. La angla lingvo posedas kvarcent ĝis kvincent mil vortojn. Kiom enviinda riĉeco!

Mi finas mian analizon citante kelkajn liniojn el la ankoraŭ en nia tempo leginda broŝureto de Petro Stojano : DEVENO & VIVO DE LA LINGVO ESPERANTO (1953; p. 51 kaj 52) :
„Estas do du sistemoj : la unua ŝatas havi tiom da radikoj kiom da vortoj, kvazaŭ la valoro de lingvo estus en la nombro de vortoj; la dua ŝatas esprimi multajn vortideojn per malmultaj radikoj. Por sperta lingvisto nur la dua sistemo meritas esti adoptata.

# ESPERANTO TRIUMFONTA

Ĉiuj diskutoj pri la aktuala stato de Esperanto suferas pro kelkaj gravaj miskomprenoj

1. Ĉefe : pri la „problemoj", kiuj montriĝas, kulpas nek la Haŭpenthala, Iltisa, Litomiŝla aŭ Praga skoloj, nek eĉ, persone, Diego, Haupenthal, Piĉ, Prof. d-ro Regulo Perez, Rumler, Urbanova aŭ Vatré, sed iasence jam Zamenhof mem. Kvankam – eĉ li trafis tion kiel Pilato Kreden.

Zamenhof, principe, povis elekti inter tri lingvosistemoj :

1. Li povis krei filozofian lingvon de la tipo : abab, abac, abad. Sed – tiu tipo montriĝis praktike neuzebla jam longe antaŭ li.

2. Li povis elpensi aprioran lingvon de Volapüko-tipo. Tian lingvon evidente preferus H. Mayer. En ĝi ekzistus nek malkongruaĵoj nek misaj koincidoj, tamen nur kondiĉe, ke la tutan sistemon, kaj ja eĉ ĉiun nove enfluantan vorton, daŭre regus kaj kontrolus komputoro (ĉu la Ŝlejera emo decidadi ĉion ipse, ne fontis ĝuste el la interna karaktero de tia idiomo mem?). Bedaŭrinde ankaŭ ĉi tiun lingvotipon la vivo malakceptis kaj rifuzis.

3. Restis do nur aposteriora solvo konsistanta el internaciaj vortoj, fakte ia kvintesenco de grekaj, latinidaj kaj germanidaj elementoj. Sed tia koncepto (rigore Zamenhofa) strikte elkludas ĉiajn ajn leksikajn „elpruntojn" el lingvoj ekstereŭropaj. El la ĉina, japana aŭ - araba ĝi permesas ĉerpi nur tiujn vortojn, kiuj jam fariĝis internaciaj pere kaj tra la angla, franca, hispana kaj germana.

Tamen la Zamenhofa Esperanto elmontras ankaŭ aliajn karakterizajn trajtojn (kiuj, verŝajne, estas kaŭzo de ĝia sukceso). En ĝi senĉese drame kunpuŝiĝas dialektiko de pluraj kontraŭdiroj. Jen principo de neceso kaj sufiĉo. Tamen opozicie al ĝi eĉ la ste mala kaj ne men grava principo de multeco kaj riĉo, respektive de abundo kaj redundo. Ekce skemismo unuflanke. Kaj kontraŭ ĝi manenmane la plej pura naturalismo. Jen lingva aŭtonomeco. Kaj kun ĝi nedisigeble ankaŭ altgrada internacieco. Dualismo de propraj kaj fremdaj formoj, kaj kaŝa rivaleco de „denaskaj" kaj „transprenitaj" elementoj. Zamenhof tiel kreis lingvon plenan de paradoksoj kaj tensio, sed ankaŭ lingvon, en kiu ĉio daŭre kreskas, vivas, buntas, pululas, sparkas, burĝonas, floras kaj elanas.

Esperanto do, multrilate, similas al la angla. Jen la sama latinida-germanida simbiozo de la leksiko, de propraj formoj, de abundaj lingvoniveloj, kaj, iam ose, eĉ de la sama vortara riĉo.



*Karolo Piĉ*

Tamen al la paradoksoj de Esperanto apartenas eĉ la Majeraj „mitoj". H. Mayer pravas, ke ekzistas **neniu** lingvo, kiu povus diri **ĉion.** La Iltisa skolo pli malpli akceptas tiun aserton. Modeste ĝi volas nur ke Esperanto povu diri almenaŭ tion, kio estas **komuna** al ĉiuj ĉefaj lingvoj. Grandaj mondaj idiomoj posedas multajn sinonimojn : ankaŭ Esperanto do posedu multajn sinonimojn, ĉar vortaraj abundo kaj riĉo estas komuna eco de ĉiuj lingvoj literature evoluintaj.

Tion interalie konfirmas eĉ renoma profesoro de la estonia Universitato de Tartuo, D-ro Aleksandr D. Duliĉenko : „Per Esperanto estis kontrolitaj kelkaj lingvistikaj leĝoj, sen kiuj

oni supozas neebla la ekzistadon de lingvo mem. Esperanto montris, ke ekz. la dekomence deklarita principo „unu vorto — unu signifo" estas plene nerealigebla, ĉar aktiva „viva" funkciado de lingvo postulas multsignifon de vortoj, evoluon de sinonimeco, pli heterogenajn esprimojn de antonimaj rilatoj ktp, t.e. : por Esperanto kiel ankaŭ por ĉiu etna lingvo necesas ne nur principo de lingva sufiĉo, sed ankaŭ principo de lingva superfluo. Pri tio skribis jam en 1931 la konata sovetia interlingvisto Ernest Drezen en sia verko 'Skizoj pri teorio de Esperanto' "[2].

Kaj la samon diras, kaj per sia verkado praktike konfirmas ankaŭ la Iltisa skolo, kies agado tiel estas en plena harmonio kun la konataj lingvistikaj leĝoj.

Nu, kaj koncerne la miton de naturalismo : tiamaniere la demandon starigas ideanoj de (nun jam preskaŭ neekzistantaj) konkurencaj projektoj. Mi mem konsideras la afiksan sistemon esperantan „unu el plej miraklaj ecoj kaj eltrovoj de la Lingvo Internacia"[3]. Tamen — jam P. Stojan sciis, ke „la nombro de afiksoj devus esti dekobla" por ebligi tute sendependan vortformadon laŭ la aŭtonoma vojo [4].

La Iltisa skolo do provas akordigi naturalismon kun skemismo, konservante tamen la aŭtonomecan karakteron de Esperanto. En la jam citita 'Naturalismo kaj skemismo' mi esprimis tion lapidare : „Mi estas preta kaj ema akcepti ĉian ajn n a t u r a l i s m o n, **tamen nur kondiĉe, ke ĝi senreste kaj senmanke respondos al la kibernetikaj skemoj kaj kodo de Esperanto!"**.

Kaj jen kio proponiĝas :

**Ipse** (mem) ekzemple ne estas unu plia naturalisma „novismo" (neo-log-ism-o), kiel oni verŝajne supozas, sed normala „radiko" troviĝanta en PIV. Vidu „sol-**ips**-ism-o", kiu tiel fariĝas ordinara vorto kunmetita, kiu tamen, antaŭ la „disfalo", donas al la lingvo utilan sinonimon, **ipsa**, cetere tute same kiel **agrokulturo, hortokulturo, silvokulturo** restigas **agro, horto, silvo. Imperio** fariĝas **imper-i-o**, kaj **imper'** plus **-or'** donas jen **imperoro** (Vivu la Imperoro — Vive l'Empereur!, pri Napoleono), jen **imperadoro** (pri la romaj imperiestroj). **Respekti** kaj **despekti,** kiujn citas H. Mayer, fariĝas **re-spekti** (forirante oni rerigardas al la gastiginto, esprimante tiel al li siajn ŝaton kaj estimon; origine tia konduto estis kutima koram regnestroj; poste ĝi fariĝis societa normo), kaj **de-spekti** (kiu signifas „rigardi de supre", „per rigardo montri sian malaltan opinion pri tiu, kiu antaŭstaras"). Ni lasu tion! Ni povus citi centojn da tiaj „simpligoj".

**Dificila** estas novismo ja ne rekte genia, tamen tute korekte enkondukita laŭ la 1-a parto de la 15-a regulo. Sekve oni ne povas malkunmeti ĝin (ĝoju la mal-ŝatantoj!) je **di-ficil-a.** Kaj tial ankaŭ ĝiaj „strukturaj konsekvencoj" estas simple nulaj (aliel oni povus „argumenti" eĉ per **fac-il-a**!?). Kaj **disharmonio** ne estas **malharmonio,** sed laŭvorte kaj laŭlitere **dis-harmonio,** do harmonio, kiu disiĝas (la moderna muziko ofte estas **dis**harmonia, malgraŭe tamen ne **mal**harmonia,

male per sia disharmonio ĝi serĉas kaj rekreas novan harmonion!)!

Sed – lastatempe komencas vastiĝi eĉ aliaj superstiĉoj. Laŭ unu el ili Esperanto estas ege malfacila, nemanipulebla kaj malmulte internacia por pluraj neeŭropanoj. Ja oni eĉ „rekomendas", ke prefere oni sin turnu al la angla, japana aŭ ĉina ekzemple, aŭ respektive eĉ al Occidental. Tiajn deklarojn mi konsideras demagogiaj kaj blagaj.

Esperanto estas lingvo kun verŝajne la plej klara kaj travidebla fonetiko, kun minimumaj, absolute plej simplaj deklinado kaj konjugado, kaj kun **neeŭropaj, orientaj** gramatiko, strukturo kaj spirito. Ankoraŭ kion oni do dezirus? „Internacian" vortaron! Bone! Jes! Sed tiun difinis jam Zamenhof mem. Ĝi konsistu el internaciaj grek-latin-ĝerman-romanidaj elementoj! Ĉar ankaŭ la vortaro devas esti homogena! Ne miŝmaŝo! Sed artaĵo! Malpleje, meje tamen „ĉiu vorto el alia korto"!

Kiel do pluiri? Probable jene :

1. Persisti en la nuna situacio! Ĉar „persisti" tute ne estas afero de libera elekto. Simple : ne ekzistas alia alternativo! Esperanto estas tia, kia ĝi estas. Kaj oni ne povas fari pli ol kion permesas ĝia strikta kadro.

2. Punkto neakceptebla! Neologismojn, jes! Sed elklude naturalisman vojon, ne! Ĝi respondus nek al la spirito de Esperanto, nek al ĝiaj veraj bezonoj.

3. Punkto pli malpli senenhava. Forlasi la planlingvan ideon estus sensence. Ĝi estus kapitulaco kaj – dizerto.

4. Tiom pli tamen oni gardu la aŭtonomecan karakteron de Esperanto, eĉ se sendepende de la neologisma demando. Tamen ĉu „sendepende" vere eblas?

5. Oni preferu skemismajn solvojn ĉie, kie, en la kadro de la sistemo, tio estas realigebla.

6. Sed ĉefe kaj precipe oni ne panikiĝu! Ne temas pri nova aŭ alia Esperanto, sed nur odinara optoiluzio. Ĉar, se komparo licas, la hieraŭa Esperanto estis 16-jara knabino. Tamen la knabino elkreskis. Ŝi estas nun 17-jara juna damo, kaj ŝi volas plaĉi kaj – konkeradi. Kaj por tio ŝi bezonas pli multajn kaj elegantajn vestojn, kaj pli brilajn juvelojn kaj ornamojn. Ni koncedu ilin al ŝi! Tiom pli, ke sub ĉiuj ĉi pompo kaj parado ŝi tamen ĉiam plu restas la sama Princidino triumfonta, kiu tute ne ŝanĝiĝis, sed nur fariĝis iomete pli matura kaj – natura!

*Karolo Piĉ*

G L O S O J :

***ekce*** *– jen. L ecce.*
***elkludi*** *– ekskludi.*
***ipse*** *– mem. Vd sol-**ips**-ism-o!*
***mej*** *– malplej (G. Waringhien : Leteroj de L.L. Zamenhof, I. p.317; PAC § 420, p.508, kaj Parnasa Gvidlibro III).*
***ose*** *– estontece, en la –os-a tempo.*
***redunda*** *– abunda pli ol nur necese (nocio uzata en la teorio de informado. Kp A redundancy, F redondant).*
***renoma*** *– vaste konata, fama (PIV)*
***ste*** *– (ĝu)**ste**, kun la signifo : estas tiu, kiu; estas tio, kio; neniu alia ol; rekte, precize : Ste lin mi atendas – lin kaj neniun alian.*

N o t o j :

*1. Tiu ĉi reago estas respondo al la artikolo de : Herbert Mayer : La fiasko de Esperanto, Monato 8. 1987; 5, p. 25-26.*

*2. A.D. Duliĉenko : Cent jaroj provizis unikan modelon por la ĝenerala lingvistiko. UEA-esperanto n-ro 979-980/1987.*

*3. Vd : F. de Diego – K. Piĉ – R. Haupenthal : Naturalismo kaj skemismo, Iltis, 1987.*

*4. P. Stojan : Deveno & vivo de la lingvo Esperanto, Flandra E-Instituto, 1953.*



# SERĈU MIAN SONĜON!

**Istvan Nemere**
eld. Hungara Esperanto-Asocio 1987, 171 p.

Jen la ĵusa produkto naskita el la fekunda plumo de Istvan Nemere. (Ĉu ja la oka kreaĵo jam?) La Nemere-verkaron mi ankoraŭ ne funde konas – nur unu romanon lian mi ellegis. Al la jena recenzo eble bonas tiu fakto, ĉar antaŭjuĝoj ne jugas min. Fakte, recenzo laŭ komparoj al aliaj verkoj de sama aŭtoro ne plaĉas al mi, eĉ maljuste servas : ĉiu verko devas stari aŭ sinki per si mem.

Do bone, unua reago – SERĈU riveliĝas speco de „populara" aŭ „ĉiutaga" literaturo. Sed ne kredu, ke tiu eldiro emas ĝin malvalorigi. Inverse! Ni bezonas ĉiun specon de literaturo en Esperantio. Malgraŭ diveneblaj celoj de la romano, ĝia niĉa taŭgo favoras legadon leĝeran.

Temas pri eltrovo de amo kaj terorismo en Venicio, Italio – temoj altiraj : la unua eterne, la alia aktuale. Do, sufiĉe kaptiga kombinaĵo. Dum niaj du gejunuloj hungaraj eltrovas interesaĵojn pri Venicio kaj pri si mem, okazas hazarda renkontiĝo kun antaŭa konatulo. Tiu konato estas turkia armeno, kiu grave helpis la hungaron dum lia deĵorado en Turkio. Tiam ili amikiĝis, eĉ diskutintaj la historian konflikton inter armenoj kaj turkoj. Nun tamen la armeno mienas strange retenema. Iom poste, nia paro ekscias per ĵurnalo, ke la turka prezidento baldaŭ vizitos la urbon ...mmmm ...Ĉu 2 plus 2 faras 4?





Tamen unu pensinda temo tuŝita de la aŭtoro neprigas la demandon : Ĝis kiu grado konstantas amikeco? Je tio mi vin lasas.

Laŭdindas la eldona atingo – klaraj literoj, presado. Kaj mi aplaŭdas penon por krei logan jaketon koloran. Dankon pro tio! Nun mankas nur pli taŭga libroformato. Mi ja atendas enpoŝigeblan libron („poŝlibron" ?) en Esperantio. Ŝajnas, ke Nemere-serio estintus ĝusta komencpunkto. Tamen ...

Pri la lingvo – ĝi rutinas, fluetas senĝene malgraŭ sekaj priskriboj de belaĵoj veniciaj. (Ĉu iu ajn ĝis nun adekvate majstradis tiun ŝajne nehaveblan lertecon en Esperanto por ĝisreale priskribi la riĉecon de la imago?) Ja rimarkindas, ke nia verkisto kapablas krei tian interesan rakonton – modernan eĉ – pere de tia nerimarkinda stilo; se vi do en ĝi intencas ion novan trovi aŭ se vi celas lerni ion gravan – prirezignu!

Aliflanke mi ĝuis la kuraĝan enĵetadon de nacilingvaj vortoj maltrude lokigitaj – turkaj, italaj, anglaj, hungaraj. Tio certe rakonton spicigas kaj etoson vivigas. La dialogoj, kvankam malaŭdacaj kaj palaj, estas nelacigaj, neŝajnigaj kaj plaĉe koncizaj.

Lastvorte, se vi emas distri vin lege, se vi volas senzorgigi vin per facile legebla, sufiĉe interesa libro, aŭ se vi inklinas „Esperantumi" mensvage, ne hezitu : „Serĉu vian sonĝon" kun Nemere.

*K. Jakobo*

---

# grava krizo en S.A.T.




*Kion vi ne legos aliloke!*

**GRAVA KRIZO EN S.A.T.**
(el letero de Strasburgo)

/.../Dua viŝado de miaj okulvitroj tamen ne ebligis al mi legi aliaĵon. Sub la siglo S.A.T. estis ja skribite : *Samsaksema Asocio Tutronda*; kaj mi denove trovis la saman tekston : *„... por ekscii la adreson de via loka seksio turnu vin al unu el niaj gejperantoj, aŭ rektume al la sidaejo."* Kio okazis? Mi ekprenis la aŭdoparolilon kaj telefonis al Parizo; flaŭta voĉo respondis : Ĉi tie SAT, mi vin aŭdas ... – Jes, mi kolere kriis, vi min aŭdas kaj min aŭdados : kio estas tia kretenaĵo? Ĉu vi intencas, ke oni prifajfu nian movadon? – Neniel estas ŝerco, karulino, respondis la virineca voĉo; sed ne plu ekzistas tiu movado, kiun verŝajne vi aludas. Pro troa ŝuldanteco ĝi devis vendi al ni ne nur la sidejon, sed ankaŭ sian siglon. Estu feliĉa, ke alia Esperanta movado ĝin anstataŭas. Cetere multe da membroj tuj sin deklaris pretaj kunlabori kaj kunamori ..."

Mi senĝentile malŝaltis kaj pasigis la manon sur mia fronto. Ĉu mi sonĝas? Kion mi faru? Venis al mi la ideo telefoni al la privata adreso de K-do Barkoviĉ : li povos klarigi al mi la aferon. „Ho ve! li respondis; ĉio tio estas tro vera. sed tia fino estis ja antaŭvidebla, pro la kamaradoj, kiuj forgesis pagi, aŭ senĉese demisiis antaŭ ol realiĝi. Ĉion ni devis vendi, ĝis niaj gloraj revuoj! Ĉu vi scias, ke la respektindan rubrikon de Schwartz oni revivigos, kun la titolo *Laŭ mia sidpinto ?* Ĝis amiko mia, tio min tro ĉagrenas".

Ne! mi pensis; ne kaj nen! sendube estas ia rimedo. Eble UEA bonvolus helpi nin. Kaj mi

telefonis al Roterdamo. Dum longa momento, mi aŭdis la korespondanton gratantan al si la verton. „Jes, li diris fine, mi pensas pri eventuala aĉetonto; via movado fariĝos la Sovetia Asocio Tuthonta, kaj ĝi ricevos la rajton kongresi en Pollando. Konsentite?"

Preskaŭ ĝemante mi vokis Ivo Lapenna en Britujo; informite pri la stranga propono de UEA, li ekridis : „Ĉu vi estis tiel naiva? Ĉu vi ne sciis, ke ekde la Hamburga kongreso UEA estas nur vasalo de Soveta Unio? Cetere, ĝia nova nomo estas Univasala Esperanto-Asocio; aŭdu la prononcon de Detlev Blanke kaj vi komprenos". Sed kiam mi lin demandis, ĉu ICNEM konsentus helpi nin, li tuj respondis : „Neeble : nian tutan monon ni uzis por la starigo de nia grandioza monumento en Graz. Sed eble, se restas kelke da groŝoj en via kesto, mi konsilas, ke vi ilin sendu al ni : la nomo SAT estos fajne skribita sur bela papiro, kiu estos enmetita ene de la skulptaĵo. En inda tombo kuŝos via movado".

Ĉu do neniun esperon mi havu? Tiumomente mi pensis pri la anoj de alia planlingvo : se rigardi senpasie la aferon, ĉu ni ĉiuj ne estas samidealanoj? Eble restas al ili iom el la tri milionoj kaj duono da svisaj frankoj, laŭdire uzitaj por la elfaro de ilia lingvo. „Mi tre bedaŭras, respondis afable la prezidanto, sed dum nia lasta universala kongreso, en pariza telefona budo, monkolekto rikoltis kvaron da frankoj kaj kelke da pantalonbutonoj; tio estus ne sufiĉa por la reaĉeto de via sidejo. Cetere ni mem intencas starigi monumenton, memore pri la kreintoj de nia senmorta lingvo. – Ĉu sufiĉos la kvaro da frankoj? – Famkonita artisto, hodiaŭ iom kaduka, promesis al ni fari modernan skulptaĵon per la premo de la pantalonbutonoj. Tio ne estos pli malbel-aspekta ol la plejparto de la parizaj monumentoj ĉi-tempe farataj". Dankinte, mi ekfalis en mian fotelon kaj ve-spiris : „Mia kara SAT, ĉu por ĉiam vi malaperis?" /.../

*Raymond SCHERTZ*

# ŜAKPROBLEMO "ŜPB-12"




**Situacio de la blankularo** : rH4; tE1; kG3; ĉG2; pA7; pB7.

**Situacio de la nigrularo** : rH1; kG1; kA8.

La blankularo ekludas kaj matigas je la 3 paŝo.

# EKU-KURZOJ

LG utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj **LG** nomas ilin „**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, „26Ds" signifas : „26 germanaj markoj el Federacia Germanio", kaj „26DDRs", „26 germanaj markoj el Popoldemokracia Germanio". Vi trovos la kurzojn de la spesoj de ĉiuj landoj, kie oni legadas LA GAZETO-n.

*1 EKUO VALORIS JE 8 OKT 87*

| | | |
|---|---|---|
| *14.62 As* | *138 Es* | *7.59 Ns* |
| *44.15 Bs* | *6.92 Fs* | *2.34 NLs* |
| *1.49 CDNs* | *0.692 GBs* | *163 Ps* |
| *1.73 CHs* | *159 GRs* | *7.29 Ss* |
| *2.08 Ds* | *1500 Is* | *5.07 SFs* |
| *7.98 DKs* | *166 Js* | *1.14 USAs* |

***Kovrilpaĝa foto : Folklora orkestro ĝojigis la konferencanojn en Graz***






**Milan Kundera:**

# HOROSKOPO



*Jen verkisto famega, kiu, niaopinie, devus verki Esperante. Li estas ĉeĥo laŭ siaj kulturbazo kaj naskiĝloko (Brno 1929a), franco laŭ siaj ŝtataneco kaj libera elekto. Li verkadas ĉeĥe, sed kontroladas mem la tujan tradukadon de siaj verkoj en la francan, kaj la franca versio eliras antaŭ la aliaj. Liaj fundamentaj problemoj estas internaciaj kaj Orienteŭropanoj malfacile trovadas liajn verkaĵojn. Pro tio ni decidis doni al niaj legantoj mallongan specimenon el la tekstoj de Milan Kundera. Ĝi estas eltiraĵo el „La libro de la rido kaj forgeso", eldonita de Folio (Gallimard) en 1985a. Ĉe la sama eldonisto, je poŝlibra prezo (ĉ. 5 EKs), vi trovas, se vi scipovas la francan, aliajn titolojn : La Plaisanterie, Risibles Amours, La Vie est Ailleurs, La Valse aux Adieux, Le Livre du Rire et de l'Oubli, l'Insoutenable Légèreté de l'Etre, l'Art du Roman, ktp. LG povas disponigi ĉi tiujn librojn al siaj legantoj pagipovaj.*

Milan Kundera : „La libro de la rido kaj forgeso".
Gallimard, Folio 1831, p. 96-100.

Iom post kiam la rusoj okupis mian landon, en 1968a, ili forpelis min de mia laboro (kiel milojn kaj milojn da aliaj ĉeĥoj), kaj neniu rajtis doni al mi alian dungon. Tiam venis min trovi junaj amikoj, kiuj tro junis por jam esti sur la listoj de rusoj, kaj do povis plulabori en redaktejoj, lernejoj, filmfarejoj. Ĉi tiuj bonaj junaj amikoj, kiujn mi neniam perfidos, proponis al mi verkadi, sub ilia nomo, dramaĵojn por radio- kaj televido-dissendejoj, teatraĵojn, artikolojn, raportaĵojn, filmscenarojn, por ke mi povu tiel perlabori la necesaĵojn por pluvivi. Mi utiligis iujn el ĉi tiuj helpofertoj, sed mi plej ofte rifuzis, ĉar mi ne kapablis elfari ĉion, kion oni proponis al mi, kaj ankaŭ pro tio, ke estis danĝere. Ne por mi, sed por ili. La sekreta polico volis malsatigi nin, redukti nin al mizero, devigi nin kapitulacii kaj publike erarkonfesi. Pro tio ĝi vigle gardostaris ĉe almozulaj elirejoj, tra kiuj ni provadis eskapi el la ĉirkaŭbarado, kaj harde punadis tiujn, kiuj donacis al ni siajn nomojn.

Inter la grandanimaj donacintoj estis juna virino, nomata R. (mi neniel devas silenti en ĉi tiu kazo, ĉar ĉio estis malkaŝita). Ĉi tiu timema knabino, fajna kaj inteligenta, estis redaktisto de magazino porjunulara, kiu havis fabelan eldonkvanton. Tial ke ĉi tiu magazino estis tiam devigita publiki nekredeblan nombron da nedigesteblaj politikaj artikoloj, kiuj prikantadis glorigon al la frata rusa



popolo, la redakcio serĉis rimedon altiri atenton de la amaso. Ĝi do decidis esceptece deflankiĝi de la ideologia pureco marksisma kaj ekkrei astrologian rubrikon.

Dum ĉi tiuj jaroj, kiujn mi travivis kiel ekskludito, mi elfaris milojn da horoskopoj. Se la fama Jaroslav Haŝek* estis hundkomercisto (li vendis multon da ŝtelitaj hundoj kaj prezentis multon da bastardoj kiel purrasaj specimenoj), kial mi ne povus estis astrologo? Iam mi



ricevis de parizaj amikoj ĉiujn astrologiajn traktaĵojn de André Barbault, kies nomon fiere sekvas la titolo de „ Président du Centre International d'Astrologie", kaj, aliforminte mian skribon, mi plume surskribis sur la unuajn paĝojn : „Al Milan Kundera avec admiration, André Barbault". Mi lasis la dediĉitajn librojn diskrete metitajn sur tablo kaj eksplikis al miaj pragaj klientoj surpriz-



## LA DEKERARA TEKSTO

Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de Raymond SCHWARTZ. Ĉu vi kapablas retrovi ilin? En ĉi tiu sama n-ro de **LG** vi trovos la espereble senerarigitan tekston, kiun ni prenis el la libro „KIEL AKVO DE L'RIVERO".

*Sinjorino Bertringer, dommastrino konscia de ŝiaj taskoj kaj devoj, estis dum la antaŭaj tagoj re-kaj-retravivinta en ŝia menso la sinsekvon de l'festaranĝoj kun la nura deziro certigi ilian egalan disvolviĝon; tamen, ŝi ne estis sufiĉe memfida por malakcepti la penson, ke en kelkaj detaloj verŝajne ne ĉiu funkcios akurate laŭ siaj kalkuloj. Tute prave. Dum tiuj momentoj de prepara ripetado ŝi vidis ŝin starantan je la fiksita horo, sur la sojlo de l'remizo, kie okazos la festeno, kaj direkti ordige la fluon de l'alvenantoj, ĉiun korekte al lia antaŭdifinata loko. Sed ŝi estis preterrigardinta tiun fakton, ke la aperitivaj kunsidoj jam ŝancelis la disciplinon, ne nur ĉe la junuloj, sed ankaŭ inter la maljunuloj. Kaj nun, kiam la maturiĝanta stato de l'rostitaj viandoj konsilis, por konservi al ili la plenan sukon kaj guston, ke oni senprokraste atakas la antaŭmanĝaĵojn, nun efektive ne estis eble atingi, ke ĉiuj leviĝu samtempe por iri rekte al la veturilejo.*

itaj, ke mi dum pluraj monatoj estis, en Parizo, asistanto de la fama Barbault.

Kiam R. klandestine** petis min prizorgi la astrologian rubrikon de la semajnalo, mi reagis, evidente, entuziasme, kaj mi konsilis al ŝi diri al la redaktoro, ke la aŭtoro de la tekstoj estas elstara specialisto pri atom-scienco, kiu ne volas konatigi sian nomon, timante, ke li fariĝus ridinda al siaj kolegoj. Nia entrepreno ŝajnis al mi duoble protekt-ata : de la scienculo, kiu ne ekzistis, kaj de lia pseŭdonimo.

Mi do verkis, sub fantazia nomo, longan kaj belan artikolon pri astrologio, poste, ĉiu monate, po unu mallongan kaj sufiĉe stultan tekston pri la diversaj signoj, por kiuj mi mem desegnis la vinjetojn de la Taŭro, Ŝafo, Virgo, Fiŝoj. La enspezoj estis bagatelaj kaj la faro



mem havis nenion distran aŭ rimarkindan. Ĉio, kio plaĉis en ĉi ĉio, estis mia ekzisto, ekzisto de homo elstrekita el la historio, el la pri-literaturaj lernolibroj kaj el la telefonlibro, de mortinta homo kiu revenis nun en la vivon, en reenkarniĝo surpriziga por prediki al centmiloj da junuloj de socialisma lando la grandan astrologian veron.

Ian tagon, R. sciigis min, ke ŝia ĉefredaktoro estas konkerita de la astrologo kaj volas, ke ĉi tiu elfaru al li lian horoskopon. Mi estis ĝojegita. La ĉefredaktoro estis lokigita je la supro de la magazino de la rusoj kaj li pasis la duonon de sia vivo studadi Marksismon--Leninismon en Prago kaj Moskvo!

„Li iom hontis dirante tion al mi, eksplikis R. kun rideto. Li ne inklinas al disklaĉigo de tio, ke li kredas je mezepokeskaj superstiĉoj. Sed li esta terure tentata.



— Bone", mi diris, kaj mi estis kontenta. Mi konis la ĉefredaktoron. Krome, ke li estis la estro de R., li estis membro de la supera komisiono de la partio, ŝarĝita je kadroj, kaj li jam ruinigis la ekziston de multo el miaj amikoj.

„Li volas konservi totalan anonimecon. Mi devas doni al vi lian naskiĝdaton, sed vi ne devas scii, ke temas pri li".

Tio amuzigis min ankoraŭ pli : „Des pli bone!
— Li donus al vi cent kronojn por la horos-kopo.
— Cent kronojn? Kion fantazias tiu fiŝparulo.
Endis ,ke li sendu al mi mil kronojn. Mi nigrigis dek paĝojn kie mi pripentris lian karakteron kaj kie mi priskribis lian estinton (pri kiu mi estis sufiĉe informita) kaj lian estonton. Mi laboris pri mia verko dum tuta semajno kaj mi havadis pridetalajn konsiliĝojn kun R. Per horoskopo, fakte oni povas mirinde influi, eĉ direkti, la konduton de homoj. Oni povas rekomendi al ili iajn agojn, averti ilin kontraŭ aliajn kaj konduki ilin al humileco konigante al ili venontajn katastrofojn.

Kiam mi revidis R.-n, iom poste, ni bone ridis. Ŝi asertis, ke la ĉefredaktoro fariĝis pli bona dekiam li ellegis sian horoskopon. Li malpli kriadis. Li komencis malfidi pri la propra severeco, kontraŭ kiun la horoskopo avertis lin, li altetaksis la eron de boneco pri kiu li kapablis kaj, en lia rigardo, ofte fiksita en malpleno, oni povis rekoni la malgajecon de homo, kiu scias, ke la steloj denun promesas al li nur suferojn.

* *Ĉeĥa verkisto (1883-1923), kreinto de la „Brava soldato Ŝvejk" mondfamiĝinta.*

** *klandestine = rilata al subtera, kaŝa, ne-leĝa agado politika, socia aŭ morala.*

# LA GRAMATIKA PUNKTO

## LA ADVERBA VORTO

**La adverba vorto esprimas kvaliton (manieron), gradon aŭ cirkonstancon rilate al verbo, adjektivo aŭ alia adverbo : bone – tre (bona) (bone) – morgaŭ : ĝi estas tre uzata en la Lingvo Internacia.**

Ekzistas primitivaj adverboj, kiuj estas nuraj radikoj pro ties signifoj : jes – ne.

Laŭforme oni distingas :
- la tabel-adverbojn pri loko (ie), tempo (iam), kaŭzo (ial), maniero (iel) kaj kvanto (iom);
- la aŭ-adverbojn pri tempo (ankoraŭ) kaj maniero (ankaŭ);
- kaj la unusilabajn pri loko (for), tempo (jam), maniero (ĉu), kaj kvanto (nur).

Sed ekzistas ankaŭ multegaj derivitaj adverboj, kiuj formiĝas elde radiko kun alispecaj signifoj :
- ĉu substantivaj : frate - ĉevale - hejme - ideale;
- aŭ adjektivaj : facile - bone - eble;
- eĉ adverbaj : plie - ĵuse - fore;
- aŭ verbaj : age - parole - skribe;
- aŭ prepoziciaj : ekstere - kune - sube;
- aŭ numeralaj : unue - due - trie

kiuj foje formiĝas elde dirmanieroj kun kutimaj signifoj ; samideane - sencele - ĉiulunde.

El la FUNDAMENTO regulo § 7 – La adverboj finiĝas per - e; gradoj de komparo kiel ĉe adjektivoj.

## LA E-VORTO SIGNAS

| **manieron** (kvaliton) | **aŭ cirkonstancon** |
|---|---|
| **reĝe paradi**<br>(en reĝa maniero) | stare atendi<br>(starante) |
| bise kanti<br>(en ripeta maniero) | konsterne ricevi leteron<br>(konsternante) |
| patriote agi<br>(kiel patrioto) | pioĉe fosi<br>(per pioĉo / rimedo; ilo) |
| patrine ami<br>(kvazaŭ patrino) | stratangule stari<br>(en strata angulo / loko) |
| pafe morti<br>(pro pafo) | dume agi<br>(dum alia afero / tempo) |

E K Z E R C O : (Analizi la signifon de la adverboj) - 1) Tre bona. 2) Varme kaj bele. 3) Takte marŝi. 4) Prince kaprici. 5) Frate helpi. 6) Venene malsaniĝi. 7) Side skribi. 8) Surprize rigardi. 9) Martele bati. 10) Senbrue paŝi. 11) Samideane saluti. 12) Surloke resti. 13) Somere ferii.

S O L V O : 1) Tre (en alta grado). 2) (En varma kaj bela maniero). 3) Takte (laŭ kadenco). 4) Prince (kiel princo). 5) Frate (kvazaŭ frato). 6) Venene (pro veneno). 7) Sidante). 8) Surpriz(ite). 9) Martele (per martelo). 10) Senbrue (sen bruo). 11) Samideane (kiel ano de la sama ideo). 12) Surloke (sur la loko). 13) Somere (en somero).

*J. T.*

## LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

*Sinjorino Bertringer, dommastrino konscia* ***pri siaj*** *taskoj kaj devoj, estis dum la antaŭaj tagoj re-kaj-retravivinta en* ***sia*** *menso la sinsekvon de l'festaranĝoj kun la nura deziro certigi ilian egalan disvolviĝon; tamen, ŝi ne estis sufiĉe memfida por malakcepti la penson, ke en kelkaj detaloj verŝajne ne* ***ĉio*** *funkcios akurate laŭ* ***ŝiaj*** *kalkuloj. Tute prave. Dum tiuj momentoj de prepara ripetado ŝi vidis* ***sin staranta*** *je la fiksita horo, sur la sojlo de l'remizo, kie okazos la festeno, kaj direkti ordige la fluon de l'alvenantoj, ĉiun korekte al lia* ***antaŭdifinita*** *loko. Sed ŝi estis preterrigardinta tiun fakton, ke la aperitivaj kunsidoj jam ŝancelis la disciplinon, ne nur ĉe la junuloj, sed ankaŭ inter la maljunuloj. Kaj nun, kiam la maturiĝanta stato de* ***l'rostataj*** *viandoj konsilis, por konservi al ili la plenan sukon kaj guston, ke oni senprokraste* ***ataku*** *la antaŭmanĝaĵojn, nun efektive ne estis eble atingi, ke ĉiuj leviĝu samtempe por iri rekte al la veturilejo.*

